# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.
Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.
Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm). Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No. 8 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Aŭgusto 1913**

**Avizo! Pro la germana kaj internacia kongresoj, en Septembro nia gazeto ne aperos. La proksima kajero de eldono B eliros la 20an de Oktobro kiel No. 9/10.**

*Germana Esperantisto.*

# Bildoj kaj rakontoj el Ŝvabujo.

*La rakontojn tradukis Wilhelm Christaller.*

(Kun afabla permeso de la eldonejo Holland & Josenhans, Stuttgart, la tradukinto prenis la rakontojn, escepte la unuan, el *Württembergische Volksbücher:* „Sagen und Geschichten I“ kaj „Lustige Geschichten aus Schwaben II“.)

## La konstruo de l' Reussenstein.

Sur rokosupro de l' valo de Neidlingen, ĉirkaŭata de muĝanta fag-arbaro, sin levas la ruinajoj de l' Reussenstein. La kolosa turo, la larĝaj kaj altaj kastelmuroj kun siaj fenestroj kaj vastaj pordegoj supreniĝas al la blua ĉielo, malestimante ĉiun alian najbarajon krom tiu de l' nuboj.

Kontraŭe de l' kastelo, trans la valo en la monto, sur kiu staras la rokego Heimenstein, troviĝas kaverno. En tiu loĝis antaŭ jarcentoj grandegulo. Li posedis multege da oro kaj estus povinta vivi belege kaj feliĉe, se estus estintaj ankoraŭ pli multe da granduloj kaj grandulinoj krom li. Jen li ekpensis, ke li volas konstrui kastelon, kiel la kavaliroj sur la Alb. La roko kontraŭa ŝajnis al li ĝuste konvena.

Sed li mem estis malbona konstruisto. Li rompis per la manoj dom-altajn ŝtonegojn el la monto kaj starigis ilin unu sur la alian, sed ili ree kaj ree rompfalis kaj ne volis fariĝi kastelo. Jen li kuŝiĝis sur la rokon de Beuren kaj kriis en la valon malsupren al metiistoj: „Ĉarpentistoj, masonistoj, ŝtonhakistoj kaj seruristoj, ĉiuj venu kaj helpu al mi, bone mi pagos“.

Oni aŭdis lian kriadon en tuta Ŝvabujo, de l' Kocher ĝis Bodensee, de l' Neckar ĝis Donau, kaj de ĉie venis la majstroj kaj helpantoj, por konstrui la kastelon por la grandegulo.

Estis gajige, rigardi, kiel li sidis en sunbrilo antaŭ sia kaverno kaj observis, kiel trans la valo ili konstruis lian kastelon sur la alta roko. Majstroj kaj helpantoj laboris rapide kaj konstruis, kiel li ordonis al ili kriante trans la valon; ili ofte amuziĝis pri li, ĉar li sciis nenion pri konstruado.

Fine la konstruajo estis finita kaj la grandegulo enloĝiĝis kaj elrigardis el la plej alta fenestro en la valon, kie la majstroj kaj helpantoj estis kune, kaj li demandis ilin, ĉu la kastelo aspektas bele, se li tiel rigardas tra la fenestro. Sed, ĉirkaŭrigardante, li ekkoleris: la majstroj estis ĵurintaj, ke ĉio estas finita, tamen ĉe la plej supra fenestro, kie li elrigardis,

mankis ankoraŭ unu najlo. La seruristoj senkulpiĝis sin kaj diris, ke neniu riskis sidi antaŭ la fenestro en la aero por enbati la najlon. Sed la grandegulo ne lasis sin konvinki; li rifuzis doni la pagon, ĝis kiam la najlo estos enigita.

Jen ili ĉiuj denove iris en la kastelon, la plej memfidantaj junuloj asertis kaj juris, ke estas facilege al ili, enbati la najlon. Sed kiam ili venis al la plej supra fenestro kaj elrigardis en la aeron kaj malsupren en la valon, kuŝantan profunde sub ili, kaj vidis tutronde nenion krom rokoj, tiam ili neis per kapo kaj honte foriris. Jen la majstroj promesis dekoblan salajron al tiu, kiu enbatos la najlon, sed longe neniu trovis sin preta.



Bildoj el Ŝvabujo: Esslingen.

Inter la laborantoj estis juna seruristo; tiu amis la filinon de sia majstro, kaj ŝi same lin, sed la patro estis severa viro kaj ne volis ŝin doni al li kiel edzinon, ĉar li estis malriĉa. Tiu prenis kuraĝon kaj pensis, ke li povos ĉi tie gajni sian amatinon aŭ morti; ĉar sen ŝi la vivo ŝajnis al li malgaja. Li iris al la majstro, ŝia patro, kaj diris: „Ĉu vi donos al mi vian filinon, se mi enbatos la najlon?“ Sed tiu esperis liberiĝi sin de li, supozante, ke li malsuprenfalos sur la rokojn, kaj diris jes.

La vigla seruristo prenis la najlon kaj sian martelon, diris pian preĝon kaj ekiris por elrampi el la fenestro kaj enigi la najlon por lia knabino. Jen ekestis ĝojkriado inter la metiistoj, ke la grandegulo vekiĝis kaj demandis, kio okazas. Kaj aŭdinte, ke iu trovis sin por enbati la najlon, li venis, longe rigardis la junan seruriston kaj diris: „Vi estas brava bubo kaj havas pli multe da kuraĝo ol la mizerularo malsupre; venu, mi helpos al vi“. Kaj li prenis lin ĉe l' vesta kolumo, ke ĉiuj ektremis, levis lin el la fenestro en la aeron kaj diris: „Nun ekbatu! Mi ne lasos vin fali“.

Kaj la junulo batis la najlon en la ŝtonon, ke ĝi estis firma. Kaj la grandegulo kisis kaj karesis lin, ke li preskaŭ sufokiĝis, kondukis lin al la majstro kaj diris: „Al tiu vi donos vian filineton“. Poste li iris en sian kavernon, elportis monsakon kaj pagis ĉiun laŭ merito. Fine li venis al la juna seruristo. Al tiu li diris: „Nun iru hejmen, kuraĝa junulo, prenu la filineton de l' majstro kaj enloĝiĝu en tiun kastelon, ĝi estas via!“ La junulo ne lasis diri tion al si dufoje, kaj ĉar lia majstro nun ne plu havis kaŭzon, por esti malkontenta pri sia bofilo, ili aranĝis edziĝofeston kaj enloĝiĝis en sian belan hejmon. Kaj la grandegulo havis sian ĝojon pri la beletaj junaj geedzoj kaj ili restis bonaj amikoj ĝis la morto.

*(El: Hauff „Lichtenstein“.)*



Bildoj el Ŝvabujo: Besigheim.

## La fondo de l' monaĥejo Maulbronn.

Je la komenco de l' dek-dua jarcento pia kavaliro fondis monaĥejon sur bieno al li apartenanta. Sed la dek-du monaĥoj, kiuj enloĝiĝis la monaĥejon, baldaŭ trovis, ke la ĉirkaŭaĵo estas marĉoplena kaj malsaniga, kaj ili plendis al la kavaliro pri sia mizero. Tiu estis kortuŝita pro iliaj plendoj kaj permesis al ili, mem elekti konvenan lokon por la monaĥejo.

La monaĥoj estis treege ĝojigitaj kaj decidis konfidi al Dio la elekton de la nova loko. La piaj fratoj havis mulon, bonan kaj obeeman besteton, kiu senlace kaj pacience portis siajn

ŝarĝojn. Ĝin ili volis elekti gvidanto. Ĉu ne iam mulo estis vidinta la anĝelon, kiun ne povis vidi la okuloj de l' profeto? Ĉu ne Jesuo iam rajdis sur mulino, enirante Zion'on? Tion ili pensis, ŝarĝis sian havajon sur la grizulon, lasis ĝin antaŭiri kaj sekvis kun kruco kaj standardo, decidinte fondi la novan monaĥejon ĉe la loko, kie la muleto kuŝiĝos por ripozo. Malrapide sin movis la irantaro, ofte ŝanĝante la direkton, trans montojn kaj tra valoj, kaj la pia kantado de la ŝvitantaj monaĥoj fariĝis pli kaj pli malvigla. Jen, en belega valo, ĉe freŝa fonto la mulo ekhaltis, trinkis kaj poste kuŝiĝis en herbon. Laŭta „Dank' al Dio!" salutis tiun signon de l' ĉielo, kaj oni ĝoje decidis komenci la fondon de l' nova monaĥejo jam la sekvantan tagon.

Per helpo de la kavaliro sin trovis baldaŭ granda nombro da masonistoj; centoj da manoj estis okupitaj faligi arbojn, prepari trabojn, rompi kaj ĉizi ŝtonojn, miksi morteron kaj meti ŝtonon sur ŝtonon.

La monaĥejaj muroj kreskis rapide el la tero. Jen aperis subite neatendita malhelpaĵo: en la vastaj arbaroj de l' ĉirkaŭaĵo vivis en tiama tempo granda rabistaro kaj danĝerigis la tutan regionon ĝis la Rhein. Kiam la rabistoj aŭdis, ke monaĥejo forpelos ilin el ilia kaŝejo, ili alvenis grandnombre kaj postulis kun egaj minacoj tujan ĉesigon de l' konstruado. La konstruistoj ektimiĝite ĉesigis sian laboron, la monaĥoj staris mutaj antaŭ la koleranta estro de la rabistoj. Jen el la mezo de l' monaĥoj unu antaŭiris kaj diris: „Ne verŝu sangon, ni libervole promesos al vi, ne fini la konstruajon." La rabistoj ne fidis al la vortoj de l' monaĥo, sed per sankta juro li certigis sian promeson. La rabistoj nun estis kontentaj kaj foriris. Kaj la monaĥoj? Apenaŭ la rabistoj estis malaperintaj en la malhelo de l' arbaro, ili konstruis pli fervore ol antaŭe, kaj kiam post mallonga tempo la monaĥejo staris tiel fortike, ke ĝi ne bezonis timi atakon de ekstere, la sono de l' monaĥeja sonorilo vokis malproksimen en la valojn arbarajn. Mirigite la rabistoj ekaŭskultis, kaj kolerante ili alvenis por puni la monaĥojn pro ilia perfida jurrompo. „Ĉu vi ne juris al ni, ke vi lasos nefinita la konstruajon?" kolerege diris la ĉefo. „Kaj ni plenumis nian promeson", respondis kviete la monaĥoj. „Venu kaj vidu!" Post tiuj vortoj ili kondukis la rabistojn en la monaĥejan preĝejon. Tie, en la maldekstra flanka halo kuŝis ŝtono sur la tero; sed supre en la muro estis malfermaĵo, kiu vane atendis la malsupre kuŝantan ŝtonon. Ruze ridante la monaĥoj montris la ŝtonon kaj truon. Nun la rabistoj ekvidis, ke ili estis superruzitaj de la monaĥoj. Sed kion ili povis fari? Forton ili ne povis uzi; por tio la muroj de l' monaĥejo estis tro fortikaj. Tial ili retiriĝis pli profunden en la arbarojn kaj evitis de tiam la regionon de Maulbronn.

Pro memoro pri tiu popola rakonto oni vidas ankoraŭ hodiaŭ en la preĝejo de Maulbronn, ĉizitan en ŝtonon, jurantan manon, ruze ridantan monaĥon kaj malice rigardantan rabobeston. Ankaŭ la mulo-fonto, kiel belaranĝita puto, donas ankoraŭ hodiaŭ sian klaran akvon.


*Bildoj el Ŝvabujo: Hechingen.*

## Kiel la urbestro de Leutkirch vete perdis.

La imperia urbo Leutkirch deziris iufoje konsilon pri grava afero kaj sendis pro tio sian urbestron al Ulm. La urbestron akompanis urba servisto, nomata Thoma Frick, viro petola kaj ema al ĉiuj ŝercoj. Tiu demandis survoje sian mastron, kion gravan li devas fari en Ulm. Respondas al li la urbestro: „Thoma, Thoma, nek al mi decas, ke mi diru tion al vi, nek al vi, ke vi demandu min pri tio aŭ deziru scii ĝin; pro tio mi ankaŭ ne diros ĝin al vi." Diras la servisto: „Bone, sinjoro urbestro, kaŝu al mi la aferon, kiom vi volas; sed mi vetas, ke mi sciiĝos pri viaj aferoj antaŭ ol vi forlasos Ulm'on". La urbestro ne kredis tion kaj konsentis pri la veto, ke tiu, kiu perdos, aĉetu al la alia bonan freŝan kukopanon, kiajn jam tiam oni sciis bonege baki en Ulm.

Alveninte en sia gastejo en Ulm, la urbestro tuj sendis sian serviston al la Ulm'a urbestro, por demandi lin, kiam li povas lin viziti. Thoma Frick iris tien, kaj prizorginte sian komision kaj ricevinte respondon, li forirante diris al la urbestro: „Ho sinjoro, mi devas ankoraŭ diri ion al via saĝula moŝto. Mia mastro aŭdas malbone, kaj oni devas iom laŭte paroli kun li alie li ne komprenas; krome li krias tre laŭte'

kiam li parolas. Estas bone, se via saĝula moŝto scias tion". La Ulm'a urbestro diris: „Vi agis bone, karulo, ke vi diris tion al mi. Mi volas memori pri tio kaj konduki lin en mian supran ĉambreton, kie ni estos solaj". Nun Thoma Frick iris al sia urbestro kaj diris al li, kion ili estis priparolintaj. Sed pri la lasta punkto li silentis. Kaj fine li diris: „Sinjoro, mi ne volas kaŝi al via saĝula moŝto: la urbestro aŭdas tre malbone, estas domaĝe pri la viro. Mi devis laŭte alkrii lin; ankaŭ li mem parolis tre laŭte; pro tio via saĝula moŝto ne konfuziĝu." La urbestro diris: „Estas bone, ke vi sciigis min pri tio, mi parolos kun li sufiĉe laŭte kaj klare". Post tio ili iris al vespermanĝo, estis gajaj kaj bonhumoraj, kaj poste kuŝiĝis pace en liton.

Matene je la decidita horo, la urbestro de Leutkirch iris al la Ulm'a urbestro. Lia servisto, Thoma Frick, akompanis lin ĉe tiu grava afero. Nun la du urbestroj salutis unu la alian tre ĝentile. Ili parolis ambaŭ tiel laŭte, ke aŭskultanto estus ridinta pri tio. Kaj post longaj ceremonioj ili iris kune en la supran ĉambreton. Frick sekvis ilin tute sekrete kaj restis antaŭ la ĉambreto. Nun la urbestro de Leutkirch sciigas sian peton al la alia, kaj tiu donas al li respondon. Sed tio okazis per tiel laŭtaj paroloj, ke Thoma antaŭ la pordo povis aŭdi tute bone ĉiujn vortojn, kvankam ŝajne li ne aŭskultis . . . .



*Bildoj el Ŝvabujo: Sigmaringen.*

Kiam la du Leutkirch'anoj poste revenis en la gastejon kaj estis tagmanĝintaj kaj denove volis hejmenrajdi, la urbestro diris al Frick: „Bone, Thoma, diru nun al mi, kion mi devis priparoli hodiaŭ matene, aŭ vi perdis la veton." La servisto unue ŝajnigis, kvazaŭ li estus embarasita kaj nenion scius pri la afero, kaj li ne respondis dum kelka tempo. Sed fine li ekparolis kaj povis diri al la alia preskaŭ ĉiun vorton, kiun ili parolis en la ĉambreto. Pri tio la urbestro de Leutkirch multege miris kaj ne povis imagi, kiel li sciiĝis pri tio. Li do devis konfesi, ke li perdis la veton kaj devis pagi la kukopanon. Tiun ili prenis survojen kaj dividis ĝin fratece, kiam ili malsatis. Kaj ili revenis tute pace al sia hejmo, kie ankaŭ la urbestro rakontis al siaj familianoj kun granda miro, kio okazis en Ulm.

## Kie estas la fiŝo?

En tuta Germanujo la ŝvaboj estas taksataj kiel homoj, kiuj kutimas multon manĝi; kelkaj moknomoj por la ŝvaboj verŝajne rilatas al tio. Ke en Ŝvablando vere ekzistas benita apetito, tion pruvis viro el Lustnau, kies „heroaĵo" estu ĉi tie rakontata.

Venis iun tagon al Lustnau en la gastejon du studentoj kaj mendis ian bonaĵon por manĝi. Respondis la mastro: „Vi venas ĝustatempe, sinjoroj, jus la fiŝisto alportis al mi belegan ezokon, kiu pezas certe ok ĝis dek funtojn; tio estus bona manĝaĵo por vi".

„Kion vi pensas?" ridante diris la studentoj, „ok ĝis dek funtojn da ezoko, tion vere ne povas manĝi du viroj." — „Ho," respondis la mastro, „certe tio ne estas malfacilaĵo; loĝas ĉi tie en Lustnau taglaboristo, kiu manĝus la ezokon tute sola kaj ankoraŭ pli." La studentoj kredis tian apetiton ne ebla kaj promesis pagi la ezokon, se la viro vere ĝin manĝos. „Sed," ili diris, „vi devas distranĉi la ezokon en malgrandajn pecojn kaj fari supon el ĝi, por ke ĝi fariĝu granda porcio." La mastro venigis la laboriston kaj diris al li, ke li devas manĝi ezokon, kiu pezas ok ĝis dek funtojn. La viro volonte konsentis pri tio kaj sidiĝis ĉe la tablon, kiu estis proksima al la kuireja pordo. Baldaŭ poste oni alportis la fiŝon en grandega vaporanta ujo, preparitan kiel la studentoj ordonis. La viro prenis la kuleron kaj ekmanĝis. Li manĝadis plenkuleron post plenkulero — kaj efektive elmanĝis la tutan ujon, ke eĉ ne unu peceto plu restis en ĝi. Tiam li formetis la kuleron kaj rigardis al la kuireja pordo, unu-, dufoje, sopireme kaj avide. Sed kiam la pordo tute ne malfermiĝis, li fine sin levis, iris en la kuirejon kaj diris: „Nu, la supon mi manĝis, kie vi nun havas vian fiŝon?"

## La ekspozicioj en Breslau.

### Tria artikolo.

Abundan materialon por studado kaj komparado liveras la eksterordinare bela kaj ampleksa *ĝardenkultura ekspozicio.* Kiom da zorgemo kaj scio estas enhavataj en ĝi, la nefakulo nur supraje povas konjekti. Estas du specoj de ĝardenoj ĉi tie, unue ses historiaj, due modernaj specialcelaj.

Modestege kaj primitive sin prezentas monaĥeja *Karlida ĝardeno* el la epoko ĉirkaŭ la 820a jaro. Kiel oni scias, Karlo la Granda, la eminenta reformanto, ankaŭ estis la unua iniciatinto de germana ĝardenkulturo. Li mem ordonis, kiajn florojn kaj arbojn oni plantu; kuracefikaj kaj kuirotaj kreskaĵoj superregis sur la altaj, tombosimilaj bedoj. Antikva tirputo kaj apud la utilplanta ĝardeneto troviĝanta tombaro de la fratoj monaĥoj kompletigas la mezepokan bildon.

*Gotika kastelĝardeno apud Rhein el 1410* karakteriziĝas per nehavo de bedoj. Verdaĵo kovras la terfundon, floroj rigardas tie kaj tie el ĝi; kulturataj jam estis tiam galantoj, primoloj, konvaloj, veronikoj, akvilegioj. Estus interese, skribi ekzemple historian verkaĵon pri la evoluado de l' ĝardenbenko: En la Karlida ĝardeno laŭ monaĥa maldorloteco la benko estas kruda sidejo el kunigitaj arbotrunketoj, en la gotika ĝi konsistas el mola herbaĵo, kaj en la sekvantaj ĝardenoj (pli kaj pli) ĝi fariĝas teknike perfekta kaj komforta.

La kreaĵon de fama Breslaua kuracisto *Laurentius Scholz* el *Rosenau (1588)* revivigas la tria ĝardeno. Tiu ĉi estis la unua germana vere botanika, ĉar la nomita scienculo imitis modelojn el Italujo, kie li studis. Italajn kaj eĉ aziajn maloftaĵn ornamplantojn li konatigis al ni. Pli multaj ol 70 poetoj latinverse prikantis la verkon de la doktoro, kiu — laŭ surpordega enskribo — konstruis ĝin

„Al Dio pro gloro,
„Al la patrujo pro honoro,
„Al la amikoj pro dankem',
„Pro refreŝiĝo al si mem. —“

Italdevena estas ankaŭ la sekvanta *renesanca ĝardeno el 1600.* La „Belvedere“ estas aspekta turo, de sur kiu oni ĝuas ĉarman rondvidon super la ekspozicioj. Rektaj vojoj, tre regulformaj herbobedoj kaj plantadmaniero reprezentas la nepran malon de *burĝa baroka ĝardeno el 1700.* Neimagebla ĝi estis sen tranĉeformitaj arbetaĵoj (ekz. kiel birdoj) sen pridiaj statuoj, strangeformaj bedoj kaj sunhorloĝo, kies ciferplato konsistas el du duonrondvicoj da bedoj, la unua interna por la somero, la dua ekstera por la vintro. Sur postamento staras la montrilo.

Al la troornamema baroko sekvis — kaj sekvas en nia ekspozicio — pli malpeza kaj gracia gusto. La *empira ĝardeno el 1813* kvietiĝe impresas per nobla ĝardenarkitekturo, grandaj surpostamentaj florvazoj, fontano kronita per monumento de Pallas Athene kun glavo kaj ŝildo.

Tute specialan lokon inter la ĝardenaro okupas la *japana ĝardeno.* Konstruite ĉirkaŭ kaj sur lageto, ĝiaj vojoj parte kondukas trans la akvon helpe de grandaj ŝtonplataĵoj kaj pontetoj. En fremdegan regnon ni migras preter la barilo el bambuo kaj laĉoj. Kanotegmentaj laŭboj kaj laŭbosimilaj trairejoj, drakoj kaj japanliteraj surskriboj sur la pordoarkoj, porcelanaj seĝetoj, gruoj el bronzo, Buddha-monumentoj, pigmeaj koniferoj, tropikaj multkoloraj plantoj, strangeformaj, jen kaj jen ŝajne senarte dismetitaj grandaj ŝtonoj — resume, oni ĉiupaŝe admiras ĝis nun nekonatajn aferojn de poezia ĉarmo. Maloftaĵo estas ankaŭ la sub ĉielo ebligata florado de la sunlandana *victoria regia,* sukceso de enlageta tubaro, kiu varmigas la akvon. Serio da ruĝaj lampionoj, apud kaj ĉirkaŭ tevendejo balanciĝe pendantaj, eligas ruĝajn lumstriojn sur la vere feinan lokon.

„Antaŭen, antaŭen!“ estas ofte necesa instigo tie ĉie, kie oni deziras kolekti almenaŭ parton de la riĉege prezentataj impresoj. Rigardinte la mezsomere florantajn vilaajn eksterurbajn (tiel nomatajn „Schreber-“) ĝardenojn kun somerdometoj, la arbustan, fruktan, rokan, botanikan kaj rozan ĝardenojn, oni vere tre bezonas ioman ripozon sur la beletaj, lerte ĉien dismetitaj blankaj ĝardenmebloj. Momente ekspozicio de dalioj ravas ĉiun koloramanton. Antaŭ sia ekvelkiĝo la grandamase kulturitaj plantoj estos elmontrataj en bukedoj. Ĉiutempe oni vidis okaze de ĝardenkultura semajna kongreso longajn tablojn plenplenajn je kelkcentoj da rozospecoj, inter ili unu tute verdan. — Ĉi-tiea ĝardenisto sukcesis post dudek-jara penado kreskigi novan frukton, kuniĝon de groso kaj ribo, kiu kaŭzis admiron kaj perspektivan penson pri la senlima varieblîĝo de la naturo.

Kio estas kreata per senlaca laboro en la transmaraj landoj, elmontras instrue la *kolonia ekspozicio.* La komenca stato de tropika plantejo reprezentiĝas per faligita praarbaro. Ĉi tiun laboron oni faras dum la pluvtempo; dum la seka sezono la suno sekigas la branĉaron kaj foliaron, kiun poste ekbruligita fajro formanĝas. Inter la perflame nedifektiĝintaj trunkegoj estas semataj nun la kulturotaj utilplantoj. Ne eble estas, citi la multegon da koloniaj plantoj, bilde, vive kaj artefarite elmontrataj en diversaj fakoj de longa halo; jen Togo, Kameruno, Germana Orient- kaj Okcident-

Afriko, la Sudmaraj landoj ekvivas. Ekster la halo kreskas palmoj (inter ili sukerpalmoj, 50—60 jarojn aĝaj), bananujoj, gumarbo kaj multaj aliaj koloniaj plantoj. Belaj lignoj, kafoarbo, kakaoarbo, kaŭĉukarbo, la biografio de l' kotono, de post la arbusto ĝis silksimila brodfadeno, ĉiam havas rondon de scivolemuloj ĉirkaŭ si.

Apetitiga fruktaro vekas la viglan deziron pri pli oportuna vojaĝebleco al tiuj benataj landoj kaj pri importo de la viditaj fruktoj, ofte tro delikataj por toleri la longtempe daŭran vojaĝon. Respondante miajn sopirojn iu diras: „Eble post kiam estos pli ĝenerala posedaĵo la aerŝipo!" „Kaj Esperanto" mi tuj aldonas, ĉar la inteligenta indiĝeno, kiu komprenas jam tiel komplikitan manipuladon pri ĝardenkulturo, certe ne estus mallernema.

*Julia Wolfson.*

## Kaj vi?

*De Hedwig Bourquin (Rodoeto), Basel.*

Ĉiun merkredon mi iras tien. La vojo kondukas min tra bela, malnova urbo. Unue laŭlonge de nova strato, plantita je arboj, poste tra malgranda strato en tre malnovan. Tie ĉi, kiel antikvaj estas la domoj kaj la dometoj! Ne unu estas kiel la alia. Bela estas ankaŭ la puto, kun gracia ĉamo sur la pinto, kiun mi preteriras. — Nun mi staras antaŭ granda malnova domo. Mi sonorigas — eniras, supreniras la ŝtuparon, kaj tuj la unuan pordon dekstre mi frapas. „Eniru!" virina voĉo vokas. Mi eniras. La ĉambro ne estas granda. La meblaro ne estas multekosta, sed ĉio estas pura. En lito kuŝas virino. Blankaj la haroj, tenataj de nigra velura ligilo. Bluaj la okuloj, kaj tiel afabla ilia esprimo. Estas malsanulino. Ŝi suferas je la pulmo. Ĉiun nokton ŝi havas astmon, ofte terure. Neniam ŝi povas dormi la tutan nokton. Sed neniam ŝi plendas. Ĉiam ŝi trovas ion por danki, aŭ ion por ĝoji. Ŝi diras ekzemple: „Mi devas esti dankema, ĉar, kvankam mi ne povas dormi, la tempo ne ŝajnas longa al mi. Miaj pensoj iras al ĉiuj miaj konatoj. Mia fantazio okupas min. Kaj kiam venos la atakoj de astmo, kaj kelkafoje tre forte, mi scias, ke ili pasos. Meze en la timo mi sentas, ke Dio estas ĉe mi, kaj ke li helpas min".

Tra la fenestro oni vidas nur tegmenton. La konatoj ofte diras: „Kiel bedaŭrinda estas tia aspekto!" Sed ŝi diras: „Mi estas danka, ke la domo ne estas pli granda. Tiel mi povas vidi super la tegmento ankoraŭ pecon de l' ĉielo". En ŝia naskiĝtago kuŝis neĝo sur la tegmento. „Bone", ŝi diris ridante, „tiel ĝi estas bele garnita, kaj la venontaj konatoj ne povas diri ion". Iam en printempo mi diris: „Ho kiel domaĝe estas, ke vi ne povas vidi la florantajn arbojn!" Sed ŝi respondis: „Vidu, mi ja scias, kiel belaj ili estas, kaj bone mi povas imagi ilin. — Vere, ĉiam ŝi trovas ion por danki, aŭ ion por ĝoji. — Kaj vi leganto, kaj vi?! — — —

## Lurlei.

*De Hildegard Nickel, Potsdam.*

La lastaj radioj de la aŭtuna suno falas sur la ĉarman Rhein-valon, orumante ankoraŭfoje la verdajn montetojn, kiuj akompanas ĉiuflanke la larĝan verdan riveregon. Arĝente brilas la akvo. Nun la tagastro iom post iom malaperas je la horizonto, malrapide la delikataj ombroj de la krepusko malleviĝas sur la naturon. Nenia bruo ĉirkaŭe, nur la hela tono de kapelsonorilo sonadas tra la paco de la vespero. Kvazaŭ dormante kuŝas la blankaj domoj de la urbetoj St. Goarshausen kaj trans la rivero St. Goar. La grizaj muroj de la fiera kastelo „Rheinfels" kaj la ruinoj de la „Katz" silente superstaras al la ĉielo.

Kia soleneco en la naturo! Ĉu nenia homa estaĵo sentas ĝin? Tamen, tie sur la larĝa strato laŭborde de l' Rhein troviĝas homo. Ŝajnas esti ankoraŭ juna viro, longtempe li senmove ĝuas la ĉarmon de tiu ĉi vespero. Malrapidpaŝe li fine daŭrigas la migradon kaj jen, ĉe la kurbiĝo de l' vojo, la nigra koloso de la „Lurlei-monto" leviĝas antaŭ liaj okuloj. „Lurlei"! li sopire murmuras, kaj tuj la legendo pri tiu ĉi loko estas en lia memoro kaj — lia propra historio; ĉar ankaŭ li ja iam posedis knabinon, orharan kaj belan kiel la Lurlei, kaj kiel ofte li ŝerce nomis ŝin tiel. Kaj nun? „Ha", li moke ekridis, „ŝi estis inda Lurlei, malfidela kiel la nomfratino, kun alia ŝi foriris kaj forpuŝis sian korulon." Jaroj nun estas pasintaj post tiu ĉi afero, sed kvazaŭ kiel hieraŭ ĝi estas en lia memoro. Ĉu li do amas ŝin ankoraŭ ĉiam? Ne, tute ne, kriis lia virfiero, sed la koro? Ĝi silentas. Sed kian malplenon ĝi sentas?

Tiaj estas la pensoj de nia soleca migranto. Kiel hodiaŭ tie ĉi en la bela naturo, li la tutan vivon tramigrados solece; ĉar li ne plu kredas al la virinoj, li malamas la tutan sekson.

Intertempe la piedo de la monto estas atingita. La nigra kaj malhela roko vaste saltas en la riveron kaj malgraŭ la kreskanta krepusko nia migranto nun ekgrimpas la krutan vojon, kiu kun multaj kurbajoj gvidas al la pinto. Strange, kiel allogas lin hodiaŭ la romantika ĉirkaŭaĵo, ĉu la Lurlei bruas en lia kapo? Ho,

aperu do al mi, orhara loĝantino de tiu ĉi monto, mi ne timas vin, ĉar vi nur povas liberigi mian koron.

Meditante li daŭrigas la migradon sur la silenta nigra ŝtonego. Preskaŭ la pinto estas atingita, kiam subite li haltas. Aŭskultu! Kio estas tio? Ĉu lia fantazio trompas lin? Klare sonadas tra la trankvilo dolĉaj sonoj de knabina voĉo. Ĉu la Lurlei efektive lin serĉas? Sed ne, revemulo, retroviĝu en la realecon! Sed la sonoj pli kaj pli fortiĝas, li klare nun komprenas la kanton. Ĉu li do ne estas la sola homo sur la monto? Sed kion volas knabino tie ĉi je tiu ĉi horo? Kia malgaja, melankolia melodio, kiu tuj flatiĝas en lian koron. Rapide li grimpas al la pinto, kaj tiam li surprizite haltas. Vere, jen sur la loko, de kiu oni vaste povas rigardi malsupren en la valon, knabino senmove staras, hele brilas ŝia blanka vestaĵo en la mallumo. Ŝi nenion vidas ĉirkaŭ si, malproksime for ŝajnas ŝiaj pensoj, nur plendantaj sonoj venas el ŝia buŝo. Vere, tian realiĝon de siaj revoj kaj meditaĵoj nia migranto neniam kredis ebla.

Mallaŭte kaj malrapide li proksimiĝas al la soleca kantantino, timante, ke ŝi ĉesigos sian belegan kantadon, kiu kvazaŭ apartenas al tiu ĉi naturo. Sed ŝi ne rimarkas lin, ĝis kiam li staras apud ŝi. Ho, kia teruro ekkaptas ŝin kaj rapide ŝi volas forkuri. Sed li malhelpas ŝin.

„Lurlei, restu ĉe mi, ne foriru!"

Tiel, kvazaŭ en sonĝo, li murmuras, kaj kiel ajn mallaŭte la vortoj estis parolataj, ili tamen atingis ŝiajn orelojn kaj ŝi restas. Jes, eĉ la malgaja esprimo en ŝia viziĝo iom malaperas kaj mallaŭte ŝi respondas: „Vi kredas min la Lurlei, Sinjoro, ho, mi devas seniluziigi vin, mi estas nur knabino, kiu momente loĝas tie en la malgranda gastejo sur la altaĵo de la „Lurleimonto". Pardonu al mi, ke mi trompis viajn iluziojn."

„Pardoni"?, li mirante rediras, „dankon mi ŝuldas al vi, kiu sen scio realigis miajn pensojn, miajn revojn. Ho, kvazaŭ balzamo via voĉo sanigas mian koron. Sed kial vi elektis tiel melankolian melodion, tie ĉi, kie la beleco de la naturo rakontas pri la ĉarmo de la mondo? Aŭ, ĉu malĝojo premas vin? Diru ĝin al mi, mi nun havas la rajton, aŭdi la kaŭzon de viaj plendantaj kantoj, ĉu ne?"

„Jes, vi estas prava, sinjoro," ŝi respondis, „sed ĝuste tiu ĉi loko vekis en mia koro denove mian malnovan doloron. Tie ĉi mi staris antaŭ nur kelkaj jaroj, feliĉa kaj ĝardita de la gepatra amo, kaj ni kune longtempe ĝuadis la ĉarmon de tiu ĉi loko. Kaj nun? Soleca, tute soleca, kiel mi kantis, mi ja vere estas, la gepatroj nun por ĉiam dormas. Hodiaŭ vespere mi la unuan fojon ree estas tie ĉi, kie mi iam estis tiom gaja; ĉu vi nun komprenas mian kantadon?"

Li silente aŭskultis ŝian rakonton kaj strangan ŝanĝon li subite sentis en sia koro. Kiel malgranda estis lia propra ĉagreno kontraŭ tiu de la knabino, kaj tamen, kiel similaj estis iliaj sortoj! Ĉu la feliĉo tamen eble trovas la vojon al li? Simpatie li ekkaptas ŝiajn manojn. „Ne malesperu, kara fraŭlino, vi ne plu estas soleca, se vi volas la solecan migranton, mi de nun estos via amiko. Vi redonis al mi la kredon al la virinoj, kaj vi restas por mi la „Lurlei" hodiaŭ kaj ĉiam. Ĉu vi volas?"

Per feliĉoplenaj okuloj ŝi rigardas lin, mute jesante per kapsigno. Ĝojigite li nun ĉirkaŭprenas ŝin kaj kisas ŝin delikate sur ŝiajn ruĝiĝintajn vangojn. Kaj en la mallumo de la komenciĝanta nokto du feliĉaj homidoj malsupreniras reen en la valon.

## Ho, ĉiela Vi estul'!*)

*Laŭ J. W. Goethe.*

(Dediĉita al S-ro J. Ŝmid, Bern.)

Ho, ĉiela Vi estul',
Moliganta la suferojn,
Kaj al tera mizerul'
Donacanta mil esperojn!

La vagado tra la spaco
Havas sencon, celon kian?
Dolĉa paco
Venu, ho! en bruston mian! . . .

*J. Olŝvanger, Bern.*

## La du fratoj.

*De Lamartine.*

Jeruzalemo estis plugokampa ro, kaj du frato j posedis terparton, kie hodiaŭ altiĝas templo de Salomono. Unu el ĉi tiuj fr atoj estis edziĝinta kaj havis kelkajn infanojn, la dua estis fraŭlo, kaj komune ili kulturadis la kampon hereditan de sia patrino. Venis la rikolt sezono. La fratoj ligis la garbojn kaj faris el ili d u egalajn amasojn, kiujn ili restigis sur la kampo.

*) Ĉi tiu kanto estos kantata en la granda koncerto, kiu dum la Naŭa okazos en la Kazino de Bern. *Red.*

Nokte, al tiu el la fratoj, kiu ankoraŭ ne edziĝis, venis bona ideo. Li diris al si mem: „Mia frato posedas edzinon kaj infanojn, kiujn li devas nutri; estas do maljuste, ke niaj partoj estas egalaj. Mi ekiros kaj prenos kelkajn garbojn de la miaj kaj aliĝos ilin sekrete al la garbaro de mia frato; li tion ne rimarkos kaj tial ne povos rifuzi ilin.“ Kaj li faris, kiel li estis pensinta.

La saman nokton vekiĝis la dua el la fratoj kaj diris al sia edzino: „Mia frato estas juna, li estas sola kaj havas neniun, kiu povus helpi lin en lia laboro kaj konsoli lin en lia penado. Estus do nejuste, se ni prenus de la komuna kampo saman kvanton da garboj kiel li. Ni leviĝu, ekiru kaj sekrete ni forportu al lia garbamaso kelke da niaj garboj. Li morgaŭ ne rimarkos ĉi tion, kaj tiamaniere li ilin ne rifuzos.“ Kaj ili faris, kiel ili estis pensintaj.

La sekvantan tagon la fratoj revenis sur la kampon kaj granda estis ilia miro, kiam ili vidis, ke egalaj estas la garbaroj. Nek unu, nek la alia povis interne kompreni la miraklon. La samajo okazis kelkajn noktojn intersekve. Sed, ĉar ĉiu estis forportinta al la garbamaso de sia frato la saman kvanton da garboj, ambaŭ garbaroj restis ĉiam egalaj, ĝis iu nokto, kiam la fratoj, ekdeĵorintaj por malkaŝi la kaŭzon de la miraklo, renkontiĝis, ĉiu portante la garbojn, kiujn ili destinis unu por la alia.

Pro tio tiu loko, kie tiel ĉarma ideo samtempe kaj persiste vizitis du homojn, fariĝis loko agrabla al la Ĉiopova, kaj la homoj benis kaj elektis ĝin por konstruo de ejo al Dio.

*El franca lingvo tradukis S. Pŝenickij.*

## La fratinoj.

*De Alb. Roderich.*

Malriĉo kaj Zorgo, la du malgajaj fratinoj, paŝis en vespera krepusko tra la plej malĝojaj stratoj de la granda ĉefurbo. La dometoj kaj la kabanoj de l'strateto ŝajne nur kun peno povis rekte stari, kaj tra la vualo, kiun la nokto komencis teksi, mizero kaj bezono rigardis el la senbrilaj fenestretoj.

Silentante la fratinoj migradis antaŭen, Malriĉo kovrita de ĉifonoj, la pala faldoriĉa vizaĝo ĉirkaŭita de la malordigitaj haroj de l'profunden klinita kapo — sed la fratino Zorgo estis volvinta sin en grizan mantelon, el kies kapuĉo la malgrandaj verdetaj okuloj fikse rigardis, kvazaŭ serĉante rabajon.

„Fratino“, fine komencis paroli Malriĉo, „kial vi iras tiel fiere apud mi kaj neniun vorton parolas al mi?“

Zorgo levis la kapon kaj turnis ĝin rifuzante flanken.

„Vi ne ŝatas respondi al mi“, diris la alia, „ĉar mi ne havas bonan aspekton — ĉu ne? Tamen, kio vi estus sen mi? Mi liveras al vi la plej multajn viktimojn*) kaj kondukas al vi la plej bonajn klientojn por via negoco! Kion vi povus efiki sen mi, sen via fidela fratino Malriĉo?“

„Vi eraras“, rediris Zorgo, „Jen, vidu!“

Ili paŝis sub lanternon de l'strato kaj Zorgo rejetis sian grizan mantelon. Jen, ŝi staris tie en riĉa brilanta vesto, kun oraj agrafoj sur la brakoj kaj kun diamantoj kaj perloj ĉirkaŭ la kolo kaj la brusto.

„Nu, fratino, jen! Mi iras ankaŭ en palacojn, kaj, tute konfidencie mi ĝin diras al vi — hodiaŭ mi iros ankoraŭ en la palacon de l'reĝo!“

*El la germana lingvo tradukis*
*Johann Schröder, Wien.*

## Deklaracio pri mondamikiĝo.

Verkita kaj al la tutmonda esperantistaro prezendata de plej honorinda

**Sir Vezey Strong,**

Lord-Mayor de London en 1911 kaj prezidanto de la Societo por Mondamikiĝo. **)

London, Majo la 8a 1913.

Al la Ĉefredaktoro
de *Pola Esperantisto*
en Varsovio.

Tre estimata Samideano:

Ĉar mi deziras atentigi la esperantistaron de la tuta mondo pri gravega antaŭpaŝo en la direkto al paco kaj internacia amikiĝo, mi min turnas instinkte al Pola Esperantisto, ĉar Polujo kaj Varsovio estas la lando kaj urbo karaj al ĉiu esperantisto kaj al la amikoj de la Esperanta movado.

Tiu urbo kaj tiu lando estas la urbo kaj la patrolando de Zamenhof, kiun mi, kiel skabeno de London, anstataŭante la tiaman ĉefurbestron, havis la honoron akcepti en la antikva Guild-halo de London, okaze de la Kongreso en Cambridge 1907.

Pli malfrue, en la memorinda jaro (1911) de la kronado de la reĝo kaj reĝino de Britujo, mi mem estis ĉefurbestro de London.

Estis mia privilegio en tiu ofico, prezidi en la Guild-halo la historian kunvenon Pro Paco kaj Arbitracio inter Britujo kaj Ameriko. Ĝi estis kun-

*) Viktimo: *germane* Opfer; *angle* victim; *france* victime.

**) Nia eminenta samideano Sir Vezey Strong sendis al ni ĉi tiun deklaracion, jam aperintan en „Pola Esperantisto“, kun „tre koraj salutoj kaj plej koraj bondeziroj al ĉiuj germanaj esperantistoj kaj al ĉiuj mondamikoj“. Ni sincere dankas al Sir Strong pro lia afableco kaj, esprimante al li nian plej altan respekton, ni publikigas lian deklaracion, kiu certe niajn legantojn treege interesos. La angle verkitan manuskripton tradukis F-ino Ad. Ŝefer kaj S-ro Harrison Hill. *Germana Esperantisto.*

veno tute solstara, ne nur en la historio de London, sed mi kredas, en la ĝisnuna historio de la mondo.

Lia Reĝa Moŝto Georgo V esprimis al mi sian reĝan kontentecon „pro la ricevo de la raporto de opinioj unanime esprimitaj pri demando tiel vaste kaj senmezure grava, el tia kunveno, kiu elmontris ĉiujn fakojn de la penso en nia vivado religia, politika kaj sociala".

Mi sendigis ekzempleron de la plena raporto de tiu kunveno, enhavantan la parolojn, al la ĉefurbestro de ĉiu urbo en Granda Britujo kaj ĝiaj kolonioj tra la tuta brita imperio.

Plie ĝi estis tradukata en Esperanton, kaj tiamaniere disvastigata tra la mondo. La esperantistoj siavice legis ĝin en siaj rondoj, tradukis ĝin nacilingven kaj kiel eble plej multe disvastigis ĝin. Estas nun mia privilegio, diskonigi al la esperantistaro la jenajn gravajn faktojn, kaj mi forte petas kaj konsilas, ke ili disvastigu tiujn faktojn kiom eble plej multe, ne nur en Esperanto, sed ankaŭ per la diversaj naciaj lingvoj.

En la nuna numero de la *Fortnightly Review*, (Duonmonata Revuo) aperis artikolo verkita de *Sir Max Waechter* — artikolo verkita post multe da priparolado kun reĝoj kaj ŝtatministroj —, en kiu la verkinto antaŭmetas al la mondo planon por la federaciigo de Eŭropo, farante tiamaniere el la grandaj potencoj amikan rondon.

Sir Max Waechter diras:

„Ekzistas ses grandaj ĉefŝtatoj en Eŭropo. Ili konsistas el du grupoj: *The Triple Alliance* (La Triopa Ligo), al kiu apartenas Germanujo, Aŭstrio-Hungarujo kaj Italujo kaj *The Triple Entente* (La Triopa Interamikiĝo), al kiu apartenas Francujo, Rusujo kaj Granda Britujo". Estas mia devo, plene klarigi la fakton, ke niaj britaj ŝtatministroj antaŭ nelonge deklaris, ke ne ekzistas iu „laŭleĝa ligo" inter Britujo kaj Francujo, sed feliĉe ekzistas tamen tre amika sento de interkompreniĝo, kiu estas multe pli bona, pli sendanĝera kaj daŭra, ol iu surpergamenta ligo, ĉu por ofendi aŭ defendi. Ĉi tiu amika sento estas konata sub la nomo de *l'Entente Cordiale*. (La Kora Bonkompreno.)

El ĉio ĉi tio sekvas, ke por la bonstato de la mondo tia *Entente Cordiale* devas ekzisti ne nur inter du aŭ tri landoj, sed inter ĉiuj landoj.

„Ni volas *Entente Cordiale*,
Sed ĝi estu kun la mond' ".

Antaŭ ol atingi tion, estos tamen necese, ke ni havu unuigitan Eŭropon, al kiu ni povas espereble aldoni la Unuiĝintajn Ŝtatojn de Ameriko. Per tia kombino, kunlaboranta en amika unueco por la bono de la nacioj, la paco de la mondo estos, espereble, certigita. Sir Max Waechter pro tio fondis ligon por la federaciigo de Eŭropo. Malfacila tasko, sed malfacilajoj ekzistas nur por esti venkotaj. Antaŭ la legantojn li metas faktojn kaj ciferojn rilatantajn al la senmezure grandaj kaj ĉiam kreskantaj elspezoj por armita armearo.

Eŭropo elspezas en la nuna tempo la sekvantajn sumojn:

| | | |
|---|---|---|
| por armeoj | £ 241 000 000 | en unu jaro |
| „ militŝiparoj | £ 125 000 000 | „ „ „ |
| | £ 366 000 000 | |

**Tricent kaj sesdekses milionoj da funtoj sterlingaj!**

Ĉar 1 £ egalvaloras proksimume 10 spesmilojn, tiu sumo egalas *3 660 000 000 spesmilojn.*

Kion farus la esperantistoj per tia neimagebla sumo?

Unu aferon ili certe neniel farus: ili certe ne aĉetus por ĝi rimedojn por mortigi unu la alian!

Ho! kia senlima perdo kaj malŝparo de multvalora kaj tre bezonata mono, por ke fratoj el la homa raso mortigu unu la alian!

Kia speco de diablo instigas la naciojn, forrabi la homaron por ĝin mortigi!

Kiu suferadas? La tuta homraso suferadas, — sed antaŭ ĉio la malriĉuloj. Do, Sir Max Waechter atentigas nin pri la timeginda malŝparo de mono — pli serioze — pri la nehumana malŝparo de la homa vivo kaj energio, kiujn, se ili estus direktataj al saĝaj utiligoj, povus servi por la beno kaj bonstato de la tuta homaro. Li alvokas per ĉiuj siaj fortoj la eŭropajn naciojn, ke ili ĉesigu tiajn frenezaĵojn, kaj ke ili sin turnu al la studado de la rimedoj, per kiuj ili pli profite povas uzi la donacojn de Dio. „Sed kiel komenci?" diras tiu bona amiko de la homaro. Britujo komencu, li respondas. Granda Britujo, la amiko de la paco; la lando de Edward la Pacfaranto kaj la lando de lia filo, nia reganta reĝo Georgo V, kiu eble estas la plej praktika el ĉiuj reĝoj, kiuj iutempe regis ĉi tiun imperion. Reĝo Georgo estas amiko de ĉiuj homoj, sed precipe de l'neriĉuloj. Eĉ en ĉi tiu momento li sin okupas farante senceremonian rondiron (aŭtomobile) tra sia reĝolando, persone vizitante la urbojn kaj domojn de siaj regatoj.

Tiamaniere li mem pli bone observas, kiel ili vivas, laboras kaj studas, kiamaniere ilia sorto estas plibonigota, por ke ili pli efike servu al la homaro. Tia senpompa reĝa vizitado ĝis nun neniam okazis en la historio de la brita nacio.

Saĝe do Sir Max Waechter diras, ke la tempo estas matura por la konsidero de tia temo. Sed estas videble, ke unueco de Eŭropo nur estas ebla, se Granda Britujo kaj Germanujo plene harmonias. Pro tio estas necese, ke iu klopodo por la amikiĝo de Eŭropo komenciĝu per plenkora amikeco inter Britujo kaj Germanujo. Sed tio ne signifas: Britujo kun Germanujo kontraŭ Francujo kaj Rusujo aŭ kontraŭ iu alia nacio.

Britujo malkaŝe diru al siaj amikoj Francujo kaj Rusujo: „Ni deziras plene amikiĝi kun Germanujo, ne *kontraŭ* vi, sed *por* vi kaj por la tuta mondo. Ne suspektu nin, sed helpu nin. Ni sciigos al vi la marŝadon de l' afero, kaj via pozicio ne malpliboniĝos, sed kontraŭe multe pliboniĝos.

Post la starigo de *l' Entente* (interkonsento) inter Granda Britujo kaj Germanujo, farita kun honesta intenco por la aliĝo de l' tuta Eŭropo, la sekvanta paŝo estos facila. Post tio Francujo kaj Rusujo, Granda Britujo kaj Germanujo, Aŭstrio kaj Italujo komprenos, ke ili havas neniun komunan celon tiel gravan kiel estas la paco.

Post la federaciiĝo de Eŭropo kaj la interkompreniĝo de ĉiuj angleparolantaj popoloj estos ŝparataj la senmoderaj sumegoj, kiuj nun estas forjetataj por multeĝe tro granda militpreparado, sed ili

estos ŝparataj, por ke ili estu reelspezotaj por la civilizado, bono kaj progresado de la tuta homa raso.

Komuna konfido estos restariĝita, komercaj aferoj pli prosperos, kaj la sorto de l' popoloj de la mondo ĉiamaniere pliboniĝos.

Malfacilaĵoj sin montros, sed pacienco, konfido, kaj saĝe direktata sistema laborado ĉion venkos.

Tia estas, mallonge, la idealo de la Eŭropa Federacia Ligo.

## Mondamikiĝo.

Kune kun tiu ligo kunlaboradas grupo de amikoj en ĉiuj landoj, nomata *„La Societo por Mondamikiĝo"*. Mi estas la prezidanto de ĉi tiu societo. Ĝi jam faras konstantan kaj utilan fundamentan laboron en senbrua maniero. Ĝi agos, ekzemple, kiel la brita filio de la *„Conciliation Internationale"* (Societo por Konkordiĝo Internacia), fondita de Barono d'Estoursnelles de Constant, en Paris, kaj kun ĝiaj filioj en Ameriko, Germanujo ktp.[1])

Plie ĝi agos en intima kunlaborado kun la „Ligo por Eŭropa Federaciiĝo". Tamen la organizaĵoj estos ĉiuj memstaraj, samcele kunligitaj, ne oficiale, sed ĉiu agante libere, — kunligitaj ankaŭ kun ĉiuj aliaj organizaĵoj en la tuta mondo, kies celoj estas paco kaj bonvolo al la tuta homaro. La Societo por Mondamikiĝo estas la rimedo, kiu kunligas ĉiujn ĉi tiujn, ĉar ĉiu membro de tiu Societo solene promesas helpi ĉiujn klopodojn por prosperigi la „artojn de paco,"[2]) tiel ke la popoloj de l' mondo amike interlaborados por komuna bono.

Finante mi deklaras, ke la Societo por Mondamikiĝo estas bazita sur fido al Dio kaj konfido je Lia konstanta gvidado.

Ĝi komenciĝis en la Guild-halo de London, la antikva centro de la komuna vivo de l' brita imperio.[3])

La devizo de la urbo London estas „Domine dirige nos" (Dio gvidu nin). El tiu halo kaj el la devizo la Mondamikiĝa Societo ĉerpas sian konstantan inspiradon.

La fondintoj de la Societo por Mondamikiĝo fidas al la frateco de l' homaro, ĉar ili fidas al la patreco de Dio.

Al ili la idealo de mondamikiĝo estas esprimita en ĝia pleneco per la eldiroj de Jesuo. Tiuj eldiroj sin trovas en la Nova Testamento, kies Esperanta traduko antaŭ nelonge aperis.

Farante ĉi tiun konfeson pri sia propra fido, la fondintoj neniel deziras trudi al aliaj mondamikoj iujn „dogmojn de blinda fervoro". Tute kontraŭe. Sed ili nepre deziras atentigi pri la bazo, sur kiu ili persone staras, kaj sur kiu ili volas konstrui. Tiu bazo estas la eldiroj de Jesuo. Ĉi tiuj eldiroj sin trovas en „La Prediko sur la Monto", en „La Beatajoj", kaj en „La Preĝo de Nia Sinjoro." (Patro Nia). Ĉio ĉi tio sin trovas en la 5a, 6a, kaj 7a ĉapitroj de Sankta Mateo, la unua libro de la Nova Testamento.

„Feliĉaj estas la humiluloj, ĉar ili heredos la teron."

„Feliĉaj estas la kore puraj, ĉar ili vidos Dion."

„Feliĉaj estas la kompatemaj, ĉar ili ricevos kompaton."

„Feliĉaj estas la pacigantoj, ĉar ili estos nomitaj la filoj de Dio."

La fondintoj de la Societo por Mondamikiĝo fidas al preĝado.

Pro tio ili forte petas, ke ĉiuj popoloj en la tuta mondo — kia ajn estu la formo de ilia religia kredo — elpetu la gvidadon de Dio je ĉiu paŝo de sia laborvojo.

La „Patro Nia" estas mondpreĝo, kiun ĉiuj el ni povas diri kun egala sincereco.

Fido al komuna Patro devas unuiĝi liajn gefilojn, ne malunuiĝi ilin.

Tiuj el niaj mondamikoj, kiuj ne havas ian religian fidon, certe nin helpos per siaj amikaj pensoj kaj praktika kunlaborado.

*La fondintoj ankaŭ forte petas, ke ĉi tiu letero estu represota kaj disvastigota kiel eble plej multe, per Esperanto kaj per la diversaj nacilingvoj.*

Ili petas ĉiujn, esperantistojn kaj neesperantistojn, ke ili pripensu, kiamaniere la celo mondamikeca estu plej bone progresigebla — laŭ lokaj cirkonstancoj — en sia regiono.

Plie ili petas, ke ĉiu leganto, kiu simpatias kun la celo, tuj komencu fari ion praktikan, eĉ ŝajne plej malgrandan por ĝia realigo; ke ili skribu poŝtkarton (ilustritan se eble), esprimante sian opinion pri la dirita temo, kaj kiamaniere ili povas helpi antaŭenigi ĝin. Laŭ la afabla permeso de S-ro *F. Herbert Stead*, M. A. ĉefdirektoro de la Browning Settlement (fratarejo Browning), oni adresu la respondojn jene:

Al la sekretario ĝenerala
World Friendship Society (Societo por Mondamikiĝo)
Browning House,
*Walworth*,
**London** S. E. (Anglujo).

Estas tre altvalora ero en la ĉeno de amikeco, ke Sinjoro Herbert Stead donis al ni tiun permeson, ĉar en Browning House komenciĝis multaj gravaj kaj helpemaj movadoj, naciaj kaj internaciaj. Nia neforgesebla mondamiko *W. T. Stead*, granda homamanto, frato de Sinjoro Herbert Stead, profunde kaj persone interesiĝis pri la bonstato de la Browning Settlement, kie oni faras tiom da sindonema laboro por la bono kaj fratigo de l' homaro.

Ni tre esperas, ke en Bern, dum la Esperanta Kongresa Semajno, okazos mondamikiga kunveno. Tie detaloj estos antaŭmetataj al niaj amikoj el ĉiuj partoj de l' mondo.

Kun koraj salutoj kaj bondeziroj mi restas

tre sincere via

*Sir Vezey Strong.*

P. S. Estos grave utila por nia celo, ke ni ricevu ekzempleron de ĉiu jurnalo, kiu pritraktas la supran deklaracion kaj la temon de mondamikeco. Afable adresu al la supre montrita ĝenerala sekretario.

1) La germana societo nomiĝas „Verband für internationale Verständigung". (Vidu G. E. 1912 A, p. 33.) *Red.*

2) La „artoj de paco" estas pentrarto, muziko, dramo, literaturo, terkulturado, urbkonstruado, parkoj, ĝardenoj, komerco, fabrikado; unuvorte ĉiu arto, kiu helpas la progresadon de civilizado kaj la pacon, feliĉecon kaj prosperecon de l' homaro.

3) La Guild-halo estas la sidejo de la urbestra regado de London. Tie kunvenas la urbkonsilantaro, kies prezidanto estas la „Lord Mayor" (ĉefurbestro).

Jam de unu miljaro la Guild-halo estis kaj estas la centro de senlime grava agemo. Ekzemple tie estas gastigitaj de la urbo London la britaj kaj alilandaj reĝoj. Plie estas akceptataj tie la plej famaj kaj gloraj vizitantoj k. t. p.

# El la vivo kaj sciencoj

## Bona konsilo.

### Ne celu multon posedi, sed io esti.

Kion vi hodiaŭ posedas, tion vi ankoraŭ hodiaŭ povas perdi, sed tion, kio vi estas, neniu povas forrabi de vi. Efektive, forta karaktero estas la plej bona posedaĵo de homo, la neelĉerpebla rezervujo, el kiu li ĉiun perdon iom post iom povas rebonigi. Malriĉa, sed saĝa kaj brava viro estas pli riĉa kaj pli feliĉa ol malsaĝa riĉulo, kiu ĉiam devas timtremi pro la kapricoj de la sorto kaj pro sia propra malsaĝeco. Hiob restis Hiob ankaŭ tiam, kiam li troviĝis en la plej profunda mizero.

*Hugo Wekenmann, Basel.*
*(Laŭ „Allgemeiner Wegweiser".)*

## La termo-lokomotivo.

### Kruda oleo anstataŭ karbo.

Antaŭ ne longe alvenis en Berlin la plej novspeca el ĉiuj lokomotivoj, la tielnomata „termolokomotivo". Per propra forto ĝi estis veturinta sen iu malhelpaĵo de Winterthur (Svisujo) tra Basel, Strassburg i. E., Frankfurt a. M. ĝis Berlin. La termolokomotivo estas kreaĵo de la Berlina supera konstrukonsilisto *Adolf Klose;* parte ĝi estis konstruata de la konata firmo A. Borsig en Tegel apud Berlin, dum la motoroj estis liverataj kaj enkonstruataj de la firmo Gebr. Sulzer in Winterthur.

De la ĝisnunaj lokomotivoj la termo-lokomotivo distingiĝas per tio, ke ĝi estas movata ne per vaporo aŭ elektro, sed per *Dieselmotoroj**). La Diesel-motoro, kiu pli kaj pli disvastiĝas, kaj kiun multaj teknikistoj konsideras kiel la grandfortan maŝinon de la estonteco, estas uzata de kelka tempo anstataŭ la vapormaŝino aŭ turbino ankaŭ por la movado de ŝipoj. Ke ĝi tute precipe ankaŭ taŭgas por funkciigo de lokomotivoj, tion pruvis la nova termo-lokomotivo kaj la longdistanca vojo, kiun ĝi traveturis dum sia unua veturo.

Kompreneble oni hodiaŭ ankoraŭ ne povas diri, kia teknika kaj scienca signifo kaŝiĝas en tiu ĉi nova maŝino, ĉu ĝi forpuŝos la malnovan vaporlokomotivon aŭ malhelpos la antaŭeniron de la elektra trenforto. Dum la lastaj jaroj la Diesel-motoro estis bone perfektigata, kaj multaj fakuloj vidas en ĝi, pro ĝia ekonomieco, la motoron de la estonteco. Ĉar ĝi estas funkciigebla preskaŭ per ĉiu oleo, per la malkaraj restaĵoj el la petrolrafinado, eĉ per gudroleo, la produktita de ĝi fortunuo estas multe pli malkara, ol ĉe la vaporlokomotivo hejtata per karbo. Do la industrio de lokomotivoj kaj la elektra industrio devas observi la provajn veturojn de la termolokomotivo kun streĉita atento.

*) *Diesel* estas la nomo de la elpensinto de tiu speco de motoroj.

La termo-lokomotivo aspektas alie ol la ĝisnunaj lokomotivoj. De ekstere ĝi similas preskaŭ D-vagonon; nur la pli malgrandaj fenestroj troviĝas sufiĉe alte, proksime sub la tegmento. Plue la interkomunikanta stango de la ekmovaj radoj montras al la spertulo, ke tiu ĉi stranga veturilo estas lokomotivo. La tendro por karbo kaj akvo, kiu estas alligita al la plej multaj aliaj lokomotivoj, mankas ĉi tie. La hejtilo de la termo-lokomotivo ja ne estas karbo, sed oleo. Antaŭe kaj poste troviĝas po unu starejo por la kondukisto, tiel ke ĉe la ŝanĝo de l' direkto ne estas necese, turni la lokomotivon per turnplato; nur la kondukisto bezonas ŝanĝi sian lokon. La lokomotivo estas kapabla veturi 100 kilometrojn en unu horo, ĝi do apartenas al la tipo de la rapidvagonaraj lokomotivoj. Tamen ĝi ne estas, kiel tiuj nun plej ofte, kojnforme konstruita en sia antaŭa parto. Ĝi havas rektajn antaŭmurojn pro tio, ke la fenestroj, kiuj servas al la kondukisto por elrigardo, aranĝitaj en rekta muro pli malfacile malheliĝas, ol tiuj en oblikva muro. Krom tio la antaŭa muro havas ankoraŭ malfermaĵon, en kiun enfluas la aero necesa por produktado de premegita aero.

Por la funkciado de la lokomotivo servas du Diesel-motoroj, el kiuj unu kvarcilindra estas la mova motoro kaj pro tio kuplita kun la movaj radoj. La dua motoro fukcias sendepende de la alia kaj produktas helpe de pumpiloj altgrade premegitan aeron, kiu estas uzata por la ekveturo kaj por manovrado. La ekveturo okazas tiamaniere, ke premegita aero fluas en la movan motoron, tiel ke ĉi tiu unue laboras kiel motoro de premegita aero. Se certa rapideco estas atingita, la ekmova motoro estas komutata je la funkcio per oleo, kaj poste ĝi laboras plue kiel Diesel-motoro. En certaj okazoj la premegita aero de la sendepende funkcianta motoro krome povas esti uzata por plifortigo de la ekmova motoro.

Dum sia unua veturo el Svisujo al Berlin ĉi tiu unua termo-lokomotivo estis kondukata kaj akompanata de inĝenieroj kaj oficistoj de la prusa centra oficejo por fervojoj. Unue ĝi devas regule veturi sur la linio Berlin-Potsdam-Magdeburg.

## Rimarkindaj flugoj de germanaj aviadistoj.

Certe la francaj aviadistoj ankoraŭ ĉiam multe superas siajn germanajn kolegojn; sed la bonaj ekzemploj de la unuaj instigas la lastajn al pli kaj pli bonaj flugrezultatoj. Precipe dum la lasta tempo, post kiam kelkaj francaj aviadistoj montris al ni preskaŭ nekredeblajn rekordojn en la flugarto, la germanaj flugistoj kvazaŭ vekiĝis el longa dormo kaj montris, ke ankaŭ ili estas kapaplaj por rekordflugoj — se ili nur volas.

Unu el tiuj rekordflugoj faris la militista aviadisto leŭtenanto *Joly* kune kun kolonelo *Osius* de la Granda Ĉefa Stabo kiel observanto. Ĉe tre pluva kaj ventega vetero la oficiroj la 22an de Julio suprenĝiris en Köln a. Rhein sur *Militär-Rumpler-Taube*, por transflugi tutan Germanujon ĝis Königsberg i. Pr. La forflugo el Köln okazis matene je la 4a horo kaj 55 minutoj, kaj post apenaŭ 4-hora flugo, je la 8a kaj 55, la oficiroj surteriĝis en Johannisthal apud Berlin. Dum la veturo, kiu okazis en meza alteco

de 1200 m. ili devis venki tre fortajn ventpuŝojn, kaj krom tio ili la plej grandan parton de sia vojo devis flugi nur laŭ la kompaso, ĉar sub ili troviĝis densega nubaro, kiu malhelpis la rigardon sur la teron. Kompreneble tio malfaciligis la orientiĝon, sed tamen ili bezonis por la traflugo de la 540 kilometrojn longa vojo nur la jam diritan tempon, kiu respondas al meza rapideco de 140 kilometroj en unu horo. Je la 11a kaj 14 la oficiroj denove supreniris ĉe ne pli bela vetero kaj flugis rekte al Königsberg, kie ili surteriĝis je la 3a kaj 30 posttagmeze. La tuta distanco inter Köln kaj Königsberg estas 1250 kilometroj, kiujn leŭtenanto Joly traflugis kun pasaĝero en 8 horoj, superante per tio la flugojn de la francaj aviadistoj de Paris al Berlin.

La sekvantan tagon la oficiroj reflugis sur la sama aparato sen interrompo de Königsberg al Döberitz (proksime de Berlin), kaj de tie la sekvantan tagon same sen interrompo al Köln. La lasta distanco estas 620 kilometroj, kiujn ili traflugis en 4 horoj kaj 10 minutoj. Por la tuta reflugo de Königsberg al Köln ili bezonis 8 horojn kaj 44 minutojn. Tiu ĉi flugo de leŭtenanto Joly estas la plej granda ĝis nun farita en Germanujo dum 4 tagoj. Krom tio ĝi estas mondrekordo pri distanco kun pasaĝero.

Alia atentinda flugo estis tiu, kiun la konata aviadisto *Helmuth Hirth* faris la 25an de Julio de Berlin al Mannheim. Li supreniris kun pasaĝero matene je la 3¾a sur *Albatros*-monoplano. Je la 8a kaj 48 ili surteriĝis en Mannheim post kvinhora, seninterrompa flugo, farinte preskaŭ la tutan vojon de 470 kilometroj super densa nubaro en alteco de 2000 metroj. Per sia flugo S-ro Hirth aspiris al premio el la „Nacia Flugdonaco".

Ankoraŭ multaj aliaj bonaj flugoj rilate al distanco kaj alteco estis farataj de germanaj pilotoj dum la lasta tempo, tiel ke oni povas havi la plej bonajn esperojn pri la evoluo de la aviado en Germanujo. Bedaŭrinde ekzistas ankoraŭ kelkaj malhelpaĵoj, kiuj detenas la germanajn flugistojn de la elmontro de siaj kapabloj kaj preskaŭ malinstigas ilin al entreprenado de grandaj flugoj. Pri ĉi tiuj malhelpaĵoj, kiuj en Francujo ne, aŭ preskaŭ ne ekzistas, mi parolos alian fojon. *Eko.*

## Malgrandaj sciindaĵoj.

El 8602 personoj, kiuj en la 20a jarcento atingis grandajn famon kaj sukcesojn, nur 12% posedis *akademian instruitecon*. Tamen ekzistas certaj mondlingvanoj, kiuj rilate al internacia helplingvo asertas, ke nur *sciencisto* aŭ *akademiano* estas kapabla krei taŭgan lingvon internacian. Ĉu tiu ĉi aserto ne strange kontraŭstaras la alipruvantajn faktojn de la praktiko?

*

Laŭ la esploroj de Dro Thomas Derlington, prezidanto de la New-York'a oficistaro pri saneco, la *bakterioj* de tuberkulozo kaj difterio restas vivkapablaj sur papermono unu plenan monaton, sed sur metalmono nur 24 horojn.

*

Ĉe la lasta popolkalkulado en Italujo oni konstatis ankoraŭ 990 *ermitojn*, kiuj vivas en dezertaj montkavernoj. Inter ili estas 16, kiuj havas aĝon de pli ol 95 jaroj, kaj 3 centjaruloj. Ŝajnas do, ke la ermita vivo estas tre saniga, almenaŭ en la itala klimato.

# Lingvaj demandoj

## Pri „-iĝi" kaj „esti -ata".

(Fino.)

Tute alie staras la afero ĉe la pasiva formo *esti -ata*. Tie oni aludas ne la ŝanĝon de stato aŭ kvalito, sed la agon mem, esprimante, ke iu faras al la subjekto tiun agon. Kiu estas vidata, tiun iu(j) vidas. Kiam li venas en tiun staton, en kiu iu lin ekvidas, li iĝas vidata, li vidatiĝas, li vidiĝas. Pli klare tion montras apudstarigo de la formoj aktivaj kaj pasivaj:

| | | |
|---|---|---|
| mi sidas | eksidas | sidiĝas |
| mi estas vidata | estas ekvidata | vidiĝas |
| mi estas blinda | ekestas blinda | blindiĝas. |

Oni povas do tute klare vidi, ke *iĝi* ĉiam signifas ŝanĝon, transiron en novan staton; la pasivo kun *esti -ata* montras la daŭron de tiu stato. El tio samtempe sekvas, ke en pasinta tempo tiuj diferencoj iom malplifortiĝas. Kio vidiĝis = iĝis vid(at)a, tio poste verŝajne estis vidata, do la du esprimoj akompanas unu la alian kiel ombro; en nuntempo ili ne povas okazi samtempe.

Por fini tiun ĉi iom longan traktadon, mi volas esplori kelkajn ofte uzatajn esprimojn pri ilia ĝusteco. — „En la malproksimo vidiĝas monto"; ne tute preciza, sed klarigebla. Oni volas diri, ke ĉiufoje, kiam iu alrigardas, la monto iĝas por li vida. Pli bone oni dirus: oni povas vidi monton, estas videbla monto. — „Kurso komenciĝis"; ĝusta, ĉar la kurso venis en staton komencan; ofte la formo „estis komencata" pli bone taŭgas. Ankaŭ „oni komencis kurson" estas multokaze aplikinda. — „Domo konstruiĝas"; ne bona, oni ja ne volas diri, ke ĝi venas en staton konstruan, sed ke ĝi estas en tiu stato, do „estas konstruata".

Kaj ankoraŭ unu rimarkon: Se oni uzas la sufikson *iĝi*, sed samtempe bezonas esprimi la pasivecon aŭ aktivecon, oni kompreneble ne povas kontentiĝi per la simpla radiko, sed devas almeti la respektivan participfinaĵon. Tiel oni diras pli precize: la blinduloj vidantiĝis, li sidantiĝis, la lumbildoj vidatiĝis (aperis) sur la ekrano, la rakonto ne kredatiĝis, la paganoj ne kredantiĝis, la leciono finatiĝis, k. s. — Sed en la plejmulto de la okazoj tia precizigo montras sin superflua.

## Mallonga respondo.

**S-ro J. O-r, Bern.** Dankon pro via rimarko; sed ni principe ne ŝatas publikigadon de tiaspecaj „tradukoj", ĉar la demandado: kiel vi tradukas tion? neniam havas finon. Entute mi konsentas pri via opinio, kvankam kiom da okazoj, tiom da solvoj. La unua frazo estas ofte tradukebla bone per „La vesto bone taŭgas al li". Rilate la vortojn de vi proponitajn mi povas tamen riproĉi la almeton de l' adverbo; per „fartigas bone" oni volas diri: „igas — farti bone"; nu kaj oni sentas, ke en la unua formo „bone" rilatas al la igo; aŭdante „li vane

ĝojiĝis ŝin". oni komprenas, ke „li — vane iĝis ŝin — ĝoji", kaj ne, ke „li iĝis ŝin — ĝoji vane". Granda la diferenco ja ne ĉiam estas, tamen mi preferus aŭ dispreni la vorton tute, kiel en la supraj ekzemploj, aŭ tute kunmeti ĝin, dirante: „bonfartiĝi", resp. „bonaspektiĝi".

## ≡ Por kolektantoj ≡

### Katalogo pri Esperantaj sigelmarkoj.

**Mallongiĝoj:** E: eldonita; A: aĉetebla ĉe; F: formato; Gr grandeco de l' bildo (horizontale × vertikale); Pp: papero; Pr prezo por 100 pecoj; Ss: subspeco aŭ vario; T: teksto; d, md dekstre, maldekstre; pf: perforita (dentita); s, ms: supre, malsupre

(Daŭrigo.)

#### B. Reklammarkoj.

**I. Esperantaj asocioj.**

1. Por-Esperantaj asocioj.

*a) Anglujo.*

**1908.**
E: J. Beveridge, Dundee. Kadromarko. T s: Oni korespondas, ms: en Esperanto, d kaj md: Skotlando. F: rektangula. Gr: 31×34 mm, pf: 10 3/4.
1. Arĝenta sur verda Pp.
2. Arĝenta „ ruĝa „
3. Ora „ blua „
4. Ora „ blanka Pp.

**1909.**
Same. Pp. blanka.
5. Verda.
6. Ruĝa.
7. Blua.

*b) Aŭstrujo.*

**1908.**
E: J. Pazelt, Obergrund. Kadromarko. En la mezo Esp.-stelo kun radioj. T s: Oficejo Obergrund B. N. B. (tre malgranda). Libera Bohema-Saksa, ms: Limliĝo. Grupo: — En la kadro T s: Esperanto, ms: 1 spesdeko 1, md: Aŭstrujo, d: Germanujo. En la supraj anguloj Esp.-steletoj. Pr: 1 Sm. Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 35×42 mm, pf. 11 1/2.
1. Flavverda.
Ss: 1a Smeraldverda.

**1910.**
E: Centra Asocio Bohema. A: E. Kühnl, Prag. Pr: 0,180 Sm. Bildo de Dro. Zamenhof en kadro, s md: Esp.-stelo. T s: Lingvo internacia Esperanto, ms: Centra asocio Bohema unio Esperantista Praha I. 342. „Union"; apud la bildo md: Aŭtoro Dr. Zamenhof, d. 1859. 1909. En la ms anguloj la ciferoj 1. Pp: blanka. F: rektangula, Gr: 21×39 mm, pf: 11 1/4.
2. Verda sur maldika Pp.
Ss: 2a. Verda sur dika (kreta) Pp.

**1911.**
E: Esp. klubo, Kladno. Bohema T: Esp. klub v Kladne .... [Esperanten tradukita: „Esp. klubo en Kladno, disvastiĝante en sia ĉirkaŭaĵo la internacian lingvon Esp., aranĝas kursojn (marde, ĵaŭde, vespere en la lernejo St. Florian), Esp. ekspoziciojn, paroladojn, amuzaĵojn ktp. (Membro-kunvenoj dimanĉe posttagmeze en la klubejo Konvikt) ĉiuj ellernas facile la lingvon „Esperanto". Interŝanĝo de poŝtkartoj, markoj kaj aliaj objektoj kun ĉiuj landoj de la tuta mondo. Por uzo de libroj el ĝia biblioteko. Esp. estas vivanta lingvo, kiu ĉiutage gajnas milojn da samideanoj. Ekzistas 130 Esp. gazetoj, kaj en Esperanton estas tradukitaj pli ol 2000 verkoj. Ĉiujare okazas kongresoj, kiuj havas pli ol 1600 vizitantojn el 42 nacioj. Da Ĉefeĉ-ŝlosiloj, laŭ kiuj oni povas traduki ĉion Esperantan, oni dissendis pli ol 4 milionojn. Esp. klubo Kladno, 983".]
Pp: blanka. F: rektangula, Gr: 50×34 mm, tranĉita.
3. Verda.
E: Esp. klubo, Kolozsvár. En kadro md: Esp.-stelo (Brunsviga kliŝaĵo). Hungara T: Tudja-e, mi az az Esperanto? . . . [Esp. trad.: „Ĉu vi scias, kion signifas Esperanto? Klarigojn pri tio vi ricevas senpage kontraŭ respondmarko de la sekretariejo de la klubo Esperantista en Kolozsvár, (Kolozsvár, poŝta palaco). Sendu letere 10 heleran poŝtmarkon, kaj vi ricevos afranke malgrandan Esp. gramatikon kun 1950 vortojn enhavanta vortaro."] „Jókai", literatura artinstituto.
Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 90×24 mm, tranĉita.
4. Verda.
E: la sama. En kadro Esp.-stelo. Hungara T: Esperanto. Heti összejö-vetelek .... [Esp. trad.: „Esperanto. Semajnaj kunvenoj. En- kaj eksterlandaj gazetoj. Senpaga instruado. Jara kotizo 3 kronoj. Pli detalajn informojn donas kontraŭ respondmarko: Sekretariejo de la klubo Esperantista en Kolozsvar (Poŝta palaco)".] „Jòkai", literatura artinstituto. Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 42×42 mm, tranĉita.

**1912.**

(Daŭrigota.)

*Dr. Möbusz.*

## Diversaj komunikoj

**Distingo.** Nia ŝatata kunlaboranto S-ro *Dro med. G. Breiger* el *Berlin* ricevis la titolon *sanitara konsilanto.* — Ni kore gratulas nian fervoran samideanon pro tio! *G. E.*

**Fianĉiĝo:** F-ino *Hanni Nowak* kun S-ro *Adolf Sproeck,* antaŭa prezidanto de la Laborista Unuiĝo Grand-Berlin; ambaŭ el Berlin. — Kore gratulas *G. E.!*

**Naskiĝo.** S-ro Dipl.-Inĝ. *Karl v. Frenckell* kaj edzino *Minnie v. Frenckell,* nask. Nast, reĝa saksa kaj duka anhalta ĉambrokantistino, komunikas la feliĉan naskiĝon de sana *knabo,* alveninta la 7an de l'nuna monato. — Ni kore gratulas la feliĉajn gepatrojn kaj salutas la novan ekesperantiston! *G. E.*

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

Ĉi tie ni recenzas nur verkojn duoble ricevitajn.

***Historio de Esperanto 1887—1912.** Verkita de *Z. Adam* (Adam Zakrzewski, L. K.) 144 p. 15×23 cm. — Librejo Gebethner kaj Wolff, Varsovio. 1913. Pr: 0.900 Sm. [116

Kun sincera ĝojo ni povas saluti la libroforman aperon de ĉi tiu verko, kiu vere estas la plej bona el la ĝis nun aperintaj pri la historio de Esperanto. Oni scias, ke tiu ĉi verko en la literatura konkurso de la Sepa en Antwerpen ricevis la unuan premion. La duan premion ricevis la verko de Dro Fiŝer, kiu jam antaŭ longe aperis kiel libro. Sed la verko de Zakrzewski multe superas la alian laŭ multaj rilatoj. La aŭtoro travivis mem la historion de nia lingvo, ĉar li estas unu el la plej unuaj esperantistoj, kaj tio, kion li raportas, montras la signon de kompleteco kaj fidindeco. Ne estas eble, priparoli ĉi tie detalojn. Tia verko ne estas priskribebla en kelkaj linioj; oni devas ĝin legi kaj ree legi, por ĉiam denove admiri la bonan stilon de la aŭtoro kaj la lertecon, per kiu li sciis fari interesa la entute iom sekan temon de historia priskribo. Mi jam legis la pri-esperantan historion de Zakrzewski en Belga Esperantisto; mi eĉ tradukis ĝin germanen por publikigo en la Esperanta rubriko de Deutsche Warte, sed tamen mi denove kun vera ĝuo tralegis la libron, kiu ankoraŭ estas iom korektita kaj ankaŭ pliriĉigita per kelkaj tekstaj aldonoj, plie per portretoj de fame konataj esperantistoj kaj per aliaj ilustrajoj. La aŭtoro estis eĉ tiom objektiva, ke li enmetis ankaŭ la portreton de iama esperantisto, kiu nun estas idisto kaj unu el la plej grandaj malamantoj de Esperanto . . .

Do, samideanoj, ĉiu el vi devas posedi ĉi tiun libron, kiun vi nepre bezonas por esti fidinde informitaj pri la Esperanta afero de ĝia komenco ĝis la „arĝenta" jubileo. *Eko.*

***Wörterbuch Deutsch-Esperanto** von *Emil und Fritz Stark.* 207 Seiten 12½×18 cm. — Central-Verlag für Esperanto und Stenographie, Magdeburg. Gebunden 2.50 M. [68

Ĝoje oni devas saluti ĉi tiun libron, kiu en ne tro ampleksa formo donas grandan nombron da vortoj, plejparte bone tradukitaj. Estas ja ĉiam ankoraŭ multege da personoj, kiuj pli ŝatas fidi je sia vortaro, ol je sia kapo, kaj volas trovi eĉ simplajn kunmetojn kaj devenigojn presitaj „nigre sur blanko". Responde al tio la libro enhavas tre multajn neradikajn vortojn, kaj tio, kvankam ĝi unuflanke rabas multan spacon, aliflanke estas tre komforta kaj faciliga.

Por ke la libro ne iĝu tro dika, estis necese, doni laŭeble nur unu tradukon de ĉiu vorto; tio estas ja tre bona principo, sed apenaŭ efektivigebla. Male, estas eĉ tre dezirinde klopodi, ĉe ĉiu dusencajo nacia almontri al tio, kaj per ĝi eduki la uzanton al pli laŭesenca kaj laŭsenca pensado; ĝuste ĉe tiom multenhava kaj ĉiujn kunmetitajojn enhavanta libro oni estas tentata konfidi sin tute al la vortaro kaj traduki preskaŭ blinde. Tiuokaze ĝenos ekzemple la vorto *jäh* = subita; ofte ĝi ja estas „kruta". *Schlauch* ne estas nepre *gum*tubo, ĝi povas esti ankaŭ el teksajo. *Firnis* laŭ mia scio estas verniso, ne lako. Ĉu la tradukon „ruĝgorĝo" alinacianoj komprenas, pri tio mi dubas. Ĉe la vorto *zieren* mi ŝatus vidi *sich* zieren = afekti. *Jury* apenaŭ estas juristaro, sed eble juĝantaro. „Rekompensi" ankaŭ ekzistas, sed *vergelten* estas rekompenci, la traduko de l' unua estas *wiedervergüten.* Nu kaj fine, „last not least" *Fäkalien* ne estas koto, ĉar jam la U. V. diras por ĝi „feko".

Per la supraj kritikoj, per kiuj mi kompreneble ne elĉerpis la erarojn, mi ne volas mallaŭdi la libron; kompare kun la grandega nombro da enhavajoj la vortaro estas tamen tre fidinda, kaj do mi povas ĝin rekomendi kiel praktikan, ne multekostan manlibron. *Lr.*

***Historio kaj teorio de Ido.** Verkita de *B. Kotzin.* Kun antaŭparolo de *R. Brandt,* profesoro-lingvisto de Moskva Universitato. VIII+144 p. 12¾×19¼ cm. — Librejo „Esperanto", Moskvo. 1913. Pr: 0.600 Sm. [125

Jen tre valora libro je tre modesta prezo, tre valora por ĉiuj propagandantoj de nia lingvo, por ĉiu, kiu volas defende labori por Esperanto, speciale kontraŭ Ido. La idistoj pretendas ja pri sia lingvo, ke ĝi estas „plibonigita kaj simpligita Esperanto", la „lingvo scienca", la „lingvo de la Delegacio". Kiom malmulte pri tio estas verajo, kiom multe estas inventajo, tion Kotzin montras plej evidente, pruvante siajn argumentojn per la plej racia metodo: per atestoj el Ido kaj de la idistoj mem.

La historia parto de la libro montras la manieron absolute ne sciencan kaj lojalan, laŭ kiu oni enmondigis Idon, precipe la malindan duoblan rolon luditan de l'Ido-aŭtoro, markizo de Beaufront, kiu en sia gazeto batalis kontraŭ ĉiu reformo en Esperanto, kiam li jam havis la plenan skizon de Ido en sia poŝo. Ĉion Kotzin pruvas nerefuteble per citajoj el la gazeto de Beaufront, „L'Espérantiste".

En la 2a, pli ampleksa parto li analizas Idon mem. Li treege profunde studis la materialon, la tutan literaturon kaj gazetaron pri kaj en Ido, kaj — S-ro Kotzin parolu mem — „ju pli profunde mi esploris ĝin, des pli kreskis mia certeco, ke Esperanto multrilate superas Idon". Al la sama rezultajo venis S-ro R. Brandt, profesoro pri lingvistiko je la universitato Moskvo, kiu — kvankam li mem estis iom reformema kaj kunlaboris en la idista „Progreso" — sincere atestas, ke li trovas taŭga Esperanton por ĉiu uzo. (Vidu lian antaŭparolon). Jen tre grava atesto de universitatprofesoro, aŭtoritato pri lingvistiko. — Cetere ne estas eble, mencii detalojn el tiu riĉenhava libro. Ĉiu esperantisto, kiu volas esti bone informita pri la lingvistikaj principoj de sia lingvo, kaj kiu volas esti kapabla defendi ĝin kontraŭ

idistaj ŝajnargumentoj, aĉetu kaj studu tiun legindan broŝuron, kies traduko en nacilingvojn estas tre dezirinda.

Nur en malmultaj punktoj la recenzanto ne konsentas kun la aŭtoro, se tiu ĉi ekzemple parolos pri proksimume 5 000 000 da esperantistoj. Oni nomas esperantisto ne ĉiun, kiu eble foje aĉetis lernolibron de Esperanto. Ĉe noveldono oni evitu tiajn nepruveblajn nombrojn kaj taksu prefere tro malgrande ol tro grande; alie oni donas deziratajn atakpunktojn al la kontraŭulo. *Haller.*

* **Tra l' silento.** Elektitaj poemoj de *Edmond Privat.* — Universala Esperantia Librejo, Genève, kaj Moskva Librejo „Esperanto", Moskva. 0.600 Sm. [61

Se mi ne rekomendus tiun ĉi libreton pro ĝia enhavo, mi tion farus jam pro ĝia eksterajo. Bonege presita sur arteca papero, kun kovrilo pergamensimila, kun bela portreto de l' juna poeto, ĝi vere meritas esti la ornamo de ĉiu biblioteko.

La enhavo estas vere bone elektita; kiel prave diras la eldonintoj, la dek poemoj „karakterizas lian ĝisnunan versan stilon". Min persone plej ravis la duparta poemo „Sur vojo de l' vivo", kaj „Tre dolĉe sur lago". Ambaŭ estas modeloj de delikata sentado, belaj esprimoj kaj neriproĉebla versfaro.

Se iu ne volas mem posedi la libreton, li almenaŭ aĉetu ĝin kiel donacon, por kiu celo ĝi taŭgegas. *Lr.*

* **Esperanta Nomenklaturo de Kemio kaj Vortaro de Kemio,** kompletigita kaj korektita eltirajo el *Scienca Gazeto 1912.* 14 pĝ. 17 1/2×26 1/2 cm. — Internacia Scienca Asocio Esperantista, Paris. Pr: 0.250 Sm. [103

Sur kelkaj paĝoj ĉi tiu kajero prezentas la rezultaton de tre grava kaj peniga laboro. Entute mi konsentas pri la afiksoj proponitaj por la diversaj kemiaj devenajoj; ili tre bone alformiĝas al internacieco, logikeco kaj kemio, kaj ankaŭ la metodo, laŭ kiu la vortoj estas klarigitaj per ekzemploj, estas tre bona.

Nur pri unu punkto mi havas insistan riproĉon: estas kelkaj radikoj elektitaj. Mi scias, ke oni jam de kelka tempo uzas ilin; sed ili neniel respondas al la spirito de nia lingvo. Estas nome pri la litero **ĝ**, tiom ŝatata de niaj francaj samideanoj. Ekz. *emerĝi, konverĝi, diverĝi* (en Scienca Gazeto ankaŭ *tanĝi*). En ĉiuj lingvoj, kie oni konas la diritajn vortojn, oni skribas ilin per **g**, kaj en la latina, germana, kaj en la multaj aliaj lingvoj, kiuj ilin uzas kiel fremdvortojn, oni sonigas **g**. Por tiuj, kiuj ne estas francoj, angloj aŭ italoj, estas granda enigmo, kial ĉe iu vorto restas la g, ĉe alia ĝi ŝanĝas sin je ĝ. Oni konas la vorton *vergaro, fasko;* oni parolas pri lumfasko kaj poste miras, ke ĝi konverĝas, diverĝas. Oni konas la vorton atingi kaj miras, aŭdante ke linio ĝuste atingante la cirklon tanĝas ĝin.

Se mi ne eraras, mi ie vidis en Fundamenta Krestomatio la samajn aŭ almenaŭ analogiajn formojn sen supersigno, kaj mi vere kredas, ke ankaŭ la angloj kaj francoj povas almenaŭ same facile elparoli g kiel la literon ĝ, dum por multaj nacioj la ĝ estas malpli facila kaj certe ĝenanta en okazoj, kie ĝi ne havas kaŭzon. *Lr.*

**Migrukunmi.** Poŝpreĝareto enhavante (a? La Red.) la plej necesajn preĝojn, instruajojn kaj vivregulojn por katolikaj junuloj kaj viroj. Verkita de *J. Sauren,* parohestro en Köln-Müngersdorf, kun permeso de l'pastra estraro. El la germana lingvo esperantigita de *Francesko de Paula Clemente,* parohestro de Sinzing. 336 pĝ. 7×11 1/2 cm. — Butzon & Bercker. Kevelaer. Pr: bind. kaj kun kartona ingo 0.750 Sm. [106

La ekstera impreso de la libreto estas bona kaj tute inda por preĝaro. Malgraŭ agrable malgranda formato la maldika volumeto enhavas multe da teksto bele legebla, ĉar la klaraj literoj estas presitaj sur tre maldika, sed bona papero. Tial ankaŭ la prezo ne estas tro alta. Tamen ni devas treege bedaŭri, ke la bonfame konata firmo oferis la monon por la eldonado de tiu ĉi libreto, ĉar la traduko estas tiel terura, ke io simila ĝis nun apenaŭ estis trovebla en la literaturo de nia lingvo. Citi tie ĉi ankaŭ nur la plej gravajn erarojn, estas tute ne eble pro ilia grandega nombro. Preskaŭ neniu paĝo estas aprobinda. Ofte la tradukoj de la unuopaj germanaj vortoj simple estas metitaj laŭvice unu apud la alian sen konsidero, ĉu la tuta frazo redonas la enhavon de la germana, tiel ke oni kelkfoje nur pene povas diveni ĝian veran sencon, eĉ se oni ne atentas la multajn gramatikajn kaj presajn erarojn. Precipe ĝenas la leganton la nekorekta apliko de multaj simplaj vortoj, la troa kaj malĝusta uzado de diversaj sufiksoj kaj de la adverba formo de l' participo, plue la ofte tre strange faritaj kunmetitajoj. Same oni devas mallaŭdi la laŭgermanan disigon de l'verbo de la subjekto ktp. La tuta fuŝtraduko estas klarigebla nur tiamaniere, ke la tradukinto, apenaŭ fininte rapidan trastudon de la gramatiko, jam prenis la germanan eldonon de la preĝareto kaj fabrikis la esperantigon per la helpo de vortaro. Tiel ankaŭ la nekalkuleblaj stilaj abomenajoj estas kompreneblaj, ĉar la tradukinto ŝajne neniam legis bonan literaturan verkon aŭ parolis kun vera esperantisto. La malutila eldonado de tiu ĉi nematura manuskripto certe estus evitita per uzo de l'helpo de la E. L. A.

*O. F., katoliko.*

**Rim. de la red.** Oni bone atentu la supran, vere objektivan kritikon kaj poste legu la artikolon pri la tradukinto, aperontan en No. 9/10 de G. E. sub „Por kaj kontraŭ".

## Muzikaĵo.

**Vivu Esperanto.** Marŝo por fortepiano pri la signalo esperantista de *Alfred Menzel.* Havebla ĉe la komponinto en Wurzen (Saksujo). Prezo ne montrita.

Inter la granda nombro da Esperantaj muzikajoj estas tre malmultaj bonaj. Jen estas marŝo, kiu estas supera al jam ekzistantaj. Se ĝi ankaŭ ne en ĉiuj partoj estas egalvalora, ĝi tamen estas taŭga por plibeligi Esperantajn programojn. Ĝi estas flua kaj ritma, kaj bone ludate ĝi certe plaĉos. Al tiuj esperantistoj, kiuj serĉas Esperantajn muzikajojn, mi rekomendas konatiĝi kun la verko. La ne jam presita eldono por orkestro esperebl e nin ĝojigos en la kongrestagoj de Stuttgart.

*Käthe Jahns (E. L. A.).*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

No. 22.

Silaba enigmo.

be, bo, bro, da, di, e, e, e, go, him, i, in, juf, ko, ko, ko, ko, ko, li, li, li, lo, lo, mas, mi, no, o, o, o, pa, po, ri, ri, rin, ro, tin, to, tu, ze.

El la supraj silaboj kunmetu 15 vortojn signifantajn:

1. glorkanton, 2. kreskajon, 3. arbon, 4. tempon, 5. floron, 6. riverfiŝon, 7. metalan rondajon, 8. kamparan poemeton, 9. sirian urbon, 10. araban estron, 11. afrikan ĉevalon, 12. fluidajon por skribi, 13. frukton, 14. juvelŝtonon, 15. rusan ledon.

La komencliteroj de la trovitaj vortoj nomos germanan verkiston kaj konatan fabelon de li.

*K. Tuŝinski.*

No. 23.

Kun **s** vi vidas ĝin dum tago bela;
ĝi povas esti kontraŭ vi kruela
precipe en la tempo de l'somero,
ĝis savon, ho, alportas la vespero.
Kun **l** vi vidas nokte nur la vorton,
ne havas de l'unua ĝi la forton.
Kaj tamen ja gefratoj ambaŭ estas,
sed malproksime ili ĉiam restas.

*Johannes Bauer.*

No. 24.

Unu vorto: estas io terura en montaro;
du vortoj: estas parto de la vizaĝo.

*Nolte.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de Oktobro al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. *(Valoro po premio ĝis 1 Sm.).*

## Solvoj el la antaŭa kajero.

No. 19.

**S**karlato, **t**opazo, **u**rno, **t**ilio, **t**ifo, **g**enuo, **a**kvo, **r**omano, **t**emplo, **b**iero, **e**skimo, **r**eto, **n**ukso.

Stuttgart—Bern.

No. 20.

Domano — nomado — madono.

No. 21.

Komo — kometo.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

*A) de ĉiuj numeroj:* referendario Arntz, Zabern; Johannes Bauer, Godesberg; F-ino Katharina Bock, Neukölln; Kurt Böhme, Dresden; Fino Maria Dreesbach, Godesberg; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Max Fischer, saksa fervojasistanto, Weida (Thür.); Georg Hanff, Berlin; A. Ivanickij, St. Peterburgo (Rusujo); Johs. May, St. Wendel; E. Momber, Honnef a. Rhein; F-ino A. Neupert, Godesberg; Theodor Oster, Godesberg; F-ino Marg. Schäfer, Dresden-Pl.; Wilhelm Schimmel, kantoro em., Dresden; Joseph Sommer, Lippstadt; F-ino M. Trötschel, Frankfurt a. Oder; Em. Ziemann, juĝeja sekretario, Gnesen; Oswald Zöphel, Dresden.

*B) de du numeroj:* C. Handrich, Hellerau b. Dresden; Th. Koch, Bremen; F-ino Alwine Körner, Braunschweig; J. Sychrawa, direktoro, Wien; Albin Tietze, Friedland (Bohemujo); Otto Wirths, kampara leterportisto, Hochdahl.

*C) de unu numero:* V. Didriĥson, Odessa (Rusujo); F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; Adolf Lutzeier, ĉefinstruisto, Klingenstein b. Ulm; Jos. Tuschl, Ullrichstal (Bohemujo).

•

*La premiojn gajnis per loto:* F-ino Katharina Bock, Neukölln; S-ro Kurt Böhme, Dresden; S-ro Joseph Sommer, Lippstadt.

La gajnintoj bonvolu sciigi al nia eldonejo Ader & Borel G. m. b. H., Dresden-A. 1, Struvestr. 40, la librojn, de ili deziratajn.

# Redakciaj respondoj

**Tele.** Dankon pro viaj enigmoj kaj problemoj, el kiuj ni kelkajn okaze uzos, sed certe ne tiun pri nia redaktoro. — La ĝis nun plej kompleta vortaro Esperanta-germana estas tiu de Jürgensen, eldonata de Ader kaj Borel en Dresden. Nia eldonejo jam de longe pensas pri aperigo de nova, ankoraŭ pli kompleta vortaro Esp.-germ., sed la verkado kaj eldonado de tia libro ne estas facila. Certe la supre citita vortaro sufiĉos por viaj bezonoj, ĉar ĝi estas multe pli kompleta ol tiu de Schlaf. — La vortaro de Kabe estas havebla ĉe Ader kaj Borel. — Via letero ne estis sufiĉe afrankita, tiel ke ni devis pagi surtakson.

**Majo.** Vian enigmon, pro kies alsendo ni dankas vin, ni ne publikos, por ne denove veki la diskuton pri tiu ĉi temo. Saluton!

**S-ro M. B. en G.** Dankon pro via klarigo pri la naskiĝo de la pridiskutita enigmo. Efektive, neniu el la redakcio rimarkis la ŝercon de S-ro Arntz pri *„Seinen“* (renversite *„nenies“*) *Rätselkunst.* Ho ve, ho ve, nun ridu vi! Saluton!

**S-ro Z. en Dr.** Aĝi laŭ ĉies gusto, estas ne eble eĉ al la plej lerta homo. Kompreneble ni konsentas pri tio, ke la enigmoj ne estu tro malfacilaj kaj solveblaj ankaŭ por malpli perfektaj esperantistoj. Tamen ili ne devas esti kvazaŭ nur por infanoj. Saluton!

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden G. m. b. H., Dresden.